# Enhavo

# La unuaj vortoj

***Reza Kheirkhah* 薛瑞察**

La jaro 2013 estis iom ordinara jaro rilate al nia Esperanto-movado en Tajvano. En la nordo aperis du novaj memstaraj Esperantistoj: Benjameno el Kanado kaj Ted el Indonezio. La unua venis al nia Zamenhofa festo kaj jam komencis akcepti gastojn hejme. Estas jam unu usona Esperantisto tie kiu kutime ne movadumas kaj nun plia usonano aperis, kiu povas fari almenaŭ ŝanĝetojn. Temas pri Grego, mia malnova amiko kaj la fondinto de Formoza Folio, kiu revenis al Tajvano por reloĝi ĉi tie.

Do, kiam ni pli bone analizas nian tajvanan movadon, ni rimarkas ke nune kaj historie ĝi multe dependas de eksterlandanoj . Tiuj kvar en la nordo kaj mi iranano en la sudo, plus unu nova, juna kaj talenta Esperantisto franca novbakita, estas inter tiuj malmultaj kiuj flue parolas la lingvon.

Mi ne preterlasu ankaŭ la fakton ke tiu ĉi gazeto aperas dank' al du germanaj kunlaborantoj Sabine kaj Pit, sen kies helpo eble de jaroj antaŭe nia gazeto ĉesus aperi.

Kompreneble ni havas ankaŭ lokajn gravajn Esperantistojn, kiuj multe kontribuas diverse kaj malsame al nia movado. En meza Tajvano estas universitata profesoro Manlajo kaj Zhong Qiyao. La unua zorgas pri la ĉina parto de *lernu*-paĝaro, kio estas tre grava por tiuj kiuj rete volas lerni Esperanton kaj la dua estas ano de Pasporta Servo.

En la dua plej granda urbo de Tajvano, Kaohsiung, estas Abengo kiu multe kontribuas per verkado de vortaro kiu pli kaj pli grandiĝas. Tamen la kursoj de Esperanto okazas nur en Pingtung en la sudo.

Ĉu en 2014 okazos io kio povas ŝanĝi tiun movadan mozaikon kaj plivigligi nian movadon, tion ni povos kompreni nur en la fino de la kuranta jaro kaj eble dum la Zamenhofa festo decembre.

Ĝis tiam ni esperu kaj laboru!

Feliĉan ĉinan novjaron al niaj legantoj tajvanaj!

# Leteroj de legantoj

**El Japanio**

Hodiaŭ mi ricevis la gazeton Formoza Folio. Koran dankegon. Mi eklegis kaj trovis, ke vi senlace laboradas por disvastigi Esperanton. Kiel mirinde!

Mi deziras, ke via klopodo donu fruktojn en via lando kaj multaj homoj interesiĝu pri nia lingvo. Mi skribis pri via donaco kaj aliaj sur mia blogo. Se vi havas intereson, bonvolu malfermi la ĉi-suban paĝon. http://koharu-verda.jugem.jp/?eid=592

Amike via YAZAKI Yoko, Fukushima

Bonorde la sendaĵo atingis min hodiaŭ. Multan dankon pro via klopodo. Mi utiligos mesaĝojn por niaj lernantoj. Nova gazeto de via lando, kiel antaŭa numero, estas tre bonkvalita. Mi kaj samgrupanoj kune aprecos ĝin.

Dezirante plu da progreso de via societo,

amike kaj danke, Ricko Huĝimoto, Osaka

**El Usono**

Koran dankon pro la lasta Formoza Folio, kiu atingis min hodiaŭ. Ĝi estas tre riĉa kaj interesa, kaj dankon pro la reklamo pri BA!

Amike, Ulrich Becker

**El Nederlando**

Hodiaŭ alvenis Formoza Folio; denove bela kaj enhavoriĉa, dankon!

Korajn salutojn, Anneke

**El Burundo**

Mi tutkore ĝojas informi al vi, ke mi bonorde ricevis vian donacon de periodaĵo ''FORMOZA FOLIO''. Dankon Estimata Reza pro via valora E-agado, kaj dankon pro la aperigo de mia poemo en via gazeto.

Mi persone ankaŭ gratulas tajvanajn esperantistojn pro la starigo de la loka gazeto. En Burundo, ni pensis starigi gazeton, sed pro la malriĉeco, ni ne sukcesis. Ideojn ni havas, sed financajn rimedojn ni ne havas. Se vi konsentas, mi ankaŭ povas kontribui sendante informojn pri la progreso de nia lingvo Esperanto en Burundo, kaj aliajn informojn.

Elkorajn salutojn al vi!

Amike, Hassano Ntahonsigaye

# Raporto pri la Tajvana Movado en 2013
2013 年台灣世界語運動報告

***Reza Kheirkhah* 薛瑞察**

## Kursoj 課程

En suda urbo Pingtung en Tajvano jam de longe la koro de la movado forte batas. Kursoj de Esperanto troviĝas nur tie. Ĉiujara Zamenhofa festo okazas samurbe kaj alilandaj gastoj kutime vizitas ĝin.

在南台灣的屏東市，長久以來都是世界語運動的脈搏強勁的心臟地帶。只在這裡開授世界語課程，也只在這裡每年舉辦柴誕節。外國朋友們也經常訪問此處。

Jen la detaloj pri la kursoj:

以下詳細介紹開授的課程：

## Kurso ĉe Komunuma Universitato: 16 lernantoj
## 社區大學課程：16 位學生




Por la dua jaro tiu kurso okazas kaj ĉi-semestre aliĝis 16 lernantoj. Ĉiusemajne duhora kurso kunvenigas progresantojn kaj komencantojn de la urbo.

本課程在這裡是第二學年開授了。選課人數是 16 位。每週兩小時的課程提供給本市初學者及進階者學習。

## Kurso ĉe Pingrong lernejo: 23 lernantoj
## 屏榮高中：23 位學生



En tiu unu el la plej grandaj privataj mezalt-lernejoj en la sudo de Tajvano (kun ĉ. 3000 studentoj) jam por la dekunua sinsekva jaro okazas Esperanto-kurso kadre de eksterkursa lecionaro. La kutima nombro por malfermi kurson estas 40, sed pro subteno de la lerneja sekretario nia kurso kun kiom ajn da studentoj ĉiujare estas malfermita. Ĉi-jare ni uzas la lernolibron *Esperanto per rekta metodo* de Stano Marček kaj krome ni komencis kontakton kun eksterlando per papera korespondado.

屏榮高中是南台灣最大的私立中學之一，學生共有約 3000 人。這裡已連續 11 年以課外課程方式開授世界語了。雖然通常課外課程要求至少四十人才能開課，但由於學務處的青睞，本課程每年都開得成。今年我們使用 Stano Marcek 的世界語直接學習法，此外還和國外同好互通信件。

## Kurso ĉe la joga klubejo: 12 lernantoj
## 瑜珈生活哲思館：12 位學生



Por helpi la komencantojn de la komunuma universitato, ni iniciatis novan kurson ĉe joga klubejo de nia lernantino Yvonne. Aliĝis 15 lernantoj. La kurson gvidis nia nova talento Cyril Vergnaud, franco kiu loĝas en nia urbo kaj eklernis Esperanton nur en la komenco de tiu ĉi jaro.

爲了幫助社區大學的初學者，在學員陳雅雯的瑜珈生活哲思館開授新課程，有 15 位同學參加。本課程由 VERGNAUD 指導，他是定居於本市，年初開始學習世界語的法國人。

La du unuajn kursojn gvidas Reza Kheirkhah, iranano nun loĝanta en Tajvano, ĉiam kun asisto de Ingrid Chuang, tajvana Esperantistino, kiu estas la plej kapabla interpretisto de la internacia lingvo en la sudo de Tajvano.

前兩個課程皆由現定居台灣的伊朗籍老師 Reza Kheirkhah 指導， 上課時經常由莊迎華小姐協助。她是南台灣最好的世界語口譯員。

## Formoza Folio, loka gazeto
## 台灣世界語報，本地的雜誌

Nia loka gazeto nuntempe aperas unufoje jare. Ĝi eldoniĝas en kvanto de 150 ekzempleroj kaj estas disdonata en Tajvano kaj dekoj da aliaj landoj. Laŭ opinio de iuj alilandaj Esperantistoj, ĝi estas unu el la plej bonaj lokaj gazetoj en la mondo, ĉu aspekte aŭ enhave kaj lingve.

Ĝin redaktas Reza Kheirkhah, revizias Sabine Hauge kaj enpaĝigas Pit Hauge el Germanio.



FORMOZA FOLIO
台灣世界語報

n-ro 15, Januaro 2013



Tajvanaj infanoj kun aŭstra gasto celebras "Esperanto 125"
台灣最年輕的世界語者慶祝世界語 125 年生日

現在這個期刊每年出版一期，共發行 150 本，由台灣寄往幾十個別的國家。有些外國世界語者認爲它是世界上一份外觀、內容及文字上都非常好的地方性期刊。由 Reza Kheirkhah 主編，由德國的 Sabine Hauge 審閱， Pit Hauge 分頁。

## Vojaĝoj 旅遊



En la pasinta jaro ni havis eksterlandajn gastojn interalie el Japanio, Koreio, Hispanio kaj Ĉinio.

Krome unu el niaj aktivaj membroj, prof. Cho Chao-Ming, vojaĝis al kelkaj landoj uzante Esperanton kaj i.a. li partoprenis en la 90a Germana Esperanto-kongreso.

去年我們有來自日本、韓國、西班牙及中國的訪客。此外本地其中一位活躍的成員卓照明教授曾利用世界語訪問過幾個國家。他也參加了在德國舉辦的第 90 屆世界語年會。

Tri Esperanto-lernantoj el urbo Pingtung vizitis Koreion por partopreni la internacian meditadan renkontiĝon en januaro 2014.

2014 年一月三位屏東世界語學員前往韓國參加國際世界語者交流會議。

## Tradukoj 翻譯

Kiel kutime ankaŭ pasintjare prof. Wang Ju-kwei senlace kaj daŭre tradukis multajn gravajn ĉinajn literaturaĵojn. Malgraŭ sia aĝo (nun ĉirkaŭ 80) kaj malbonfarto pro trafika akcidento, li ne ĉesigis tian laboron kaj tiel nia tajvana Esperantistaro povis profiti el liaj tradukoj por plialtigi sian kapablon de la lingvo.

和往年一樣，王九逵教授仍孜孜不倦地翻譯很多重要的中文佳作，有小品文也有短篇小說。雖然他將屆八十高齡，並遭遇到一次交通意外，他的譯作仍然繼續，使台灣的世界語界受惠，也提高他本人在世界語的造詣。

# Vizito el Tajvano
## 從台灣來訪

***Anneke Schouten-Buys***
***Nederlando* 荷蘭**

*Prof. Cho Chao-ming, konata kiel Abengo, pasintjare vojaĝis en Eŭropo dum pli ol monato por renkonti tieajn Esperantistojn kaj i.a. partopreni la jubilean kongreson en Germanio. En Nederlando li gastis ĉe Anneke, kiu jam dufoje vizitis Tajvanon. Ŝi estas poeto kaj verkas en Esperanto, nederlanda kaj angla lingvoj. Jen ŝia raporto pri vizito de Abengo.*

卓照明教授，人稱阿明哥，去年訪問歐洲一個多月，拜訪了當地世界語者，特別參加德國的周年慶祝會。他還探訪荷蘭女詩人安妮可。安妮可曾造訪台灣兩次，用多種語言創作詩歌，包括世界語，荷蘭語和英語。如下是她報告阿明哥的來訪。

Antaŭ kelkaj monatoj alvenis retmesaĝo de Abengo, amiko el Kaohsiung, Tajvano anoncante ke li intencas dum ses semajnoj vojaĝi en Eŭropo kie li vizitos geamikojn en i.a. Germanio kaj Svislando.



Anneke kaj Klaas

Kiam en 2007 mi gastis kvar semajnojn en Tajvano kun Esperanto-geamikoj, li prizorgis itineron por la periodo kiam mi estis en Pingtung. Li tiam estis nova Esperantisto, do fojfoje ni parolis la anglan, sed li mirinde rapide pliriĉigis sian vortostokon kaj komprenon de la gramatiko. Dank' al Abengo mi ne nur vizitis templojn kaj ekspoziciojn, sed ankaŭ renkontis poetojn kaj nederlandan profesoron kun kiu mi povis kelkhore paroli la nederlandan, kaj prelegis pri Esperanto en Wenzao universitato.

Nun mi povis iom reciproki lian helpon; ni interkonsentis pri lia alveno tagon antaŭ nia klubkunveno por ke li renkontu nian rondeton. La 10-an de junio li alvenis kaj en la posttagmezo ni vizitis Zutphen, kie ni agrable promenis tra la bela malnova urboparto, tetrinkis sur teraso de la tevendejo "De Pelikaan" kaj vidis la tre altan akvon en la rivero IJssel.

La 11-an de junio ni matene vizitis Loo Palacon, spektis ekspozicion de portretoj kiujn multaj artistoj faris de reĝino Beatrix kaj pro la longa vico antaŭ la palaco mem decidis ne eniri ĝin.

En la posttagmezo kunvenis ĉe mi hejme la anoj de Esperantokring Oost-Veluwe. Abengo multon rakontis pri sia bela lando, poste kiel kutime ni kantis, akompanate de Boudwijn kiu kunportis gitaron. Ĉindevena indonezia-nederlanda amiko nia alvenis por la vespermanĝo kaj ekestis tre vigla konversacio pri la parto de Ĉinio el kiu venis lia familio, vojaĝplanoj, ĝeneralaj informoj. Entute tre plena kaj agrabla tago.

La 12-an de junio ni forveturis laŭ nia kutima itinero por eksterlandaj amikoj: trans Afsluitdijk al la provinco Noord-Holland, kie unue ni vizitis la polderon Beemster, kie naskiĝis Klaas, kaj post lunĉo en Middenbeemster vizitis tie la tombejon kaj prizorgis la tombon de miaj bogepatroj. Ĉinoj kutimas regule fari tion, do estis tute nature, viziti tiun lokon kun nia amiko.

Poste ni veturis al De Rijp, spektis en la turistinforma oficejo informan filmeton pri la regiono Waterland, ekspozicieton en malnova preĝejo de portretoj de reĝino Beatrix kaj trapromenis la urbeton. De tie ni veturis sur la digo al Schermerhorn por viziti la muelilan muzeon. Same kiel en De Rijp haveblis informfolio en Esperanto, kiun kompreneble mi petis por nia amiko.

Ni pluveturis al Camperduin por vidi kaj la digon kaj la dunojn. Pro la forta vento ni ne malsupreniris al la plaĝo kaj en Callantsoog tagmanĝis, ĝuante grandan patkukon.

Ni tre kontente hejmenveturis sur la digo Enkhuizen-Lelystad.

La 13-an de junio Abengo sola vojaĝis al Rotterdam por viziti la CO de UEA kie li renkontis ĉiujn kunlaborantojn. Trapromenante la urbon li eniris Pauluskerk kiun li trovis tre interesa pro la homoj kun tre diversaj problemoj kiuj tie renkontiĝas. Li kun ili ricevis lunĉon kaj post plia promenado revenis en Apeldoorn tre kontenta.



Abengo kaj Osmo Buller en la Centra Oficejo

La 14-an de junio ni sufiĉe frue forveturis, en la stacidomo de Arnhem trovis la ĝustan peronon kaj adiaŭis nian karan gaston.

# Poemo de Jorge Camacho
## 荷黑・卡瑪卓之詩



荷黑・卡瑪卓先生簡介：

荷黑・卡瑪卓 (Jorge Camacho, 1966－) 是西班牙人，自 1980 年開始學習世界語。他曾擔任歐盟的口譯員，大學講師等工作。現任職於圖書館。他著有六冊世界語詩集，現爲世界語文學年鑑 (BA) 的主編之一。他懂得很多種歐洲語言，近年來又在學華語。他的夫人是屏東人，夫婦二人現住在馬德里。

Jorge Camacho (1966), hispano. Li eklernis Esperanton en 1980. Laboris kiel EU-interpretisto, universitata instruisto kaj, nun, bibliotekisto. Verkis interalie ses poemarojn en Esperanto. Kunredaktas la

literaturan libroforman revuon Beletra Almanako (BA). Li scipovas plurajn lingvojn de Eŭropo kaj dum la lastaj jaroj estas lernanta ankaŭ la ĉinan. Li edziĝis al virino el Pingtung kaj nun kune loĝas kun ŝi en Madrido.

malhajko
Jorge Camacho

absolutan obskuron
fiŝoj abismaj
fendas per propra lumo

Traduko de Mao Zifu
毛自赋

漆黑
被深海魚
光割

Traduko de Nitta
Takamichi
新田隆充

漆黒の闇を
深海の魚たちは
自らの光で引き裂く

# Zamenhof-festo de Tajvano 2013
台灣世界語文化節 2013 年

*Cho Chao-ming* 卓照明 教授

**Pli ol 100 partoprenantoj el 10 landoj**
**Esperantaj prelegoj, kantado, dancado, libroservo...**

來自十個國家將近一百位參與者
世界語文化節 名人演講，歌唱，魔術，肚皮舞，書展，摸彩



Zamenhof-festo 2013 organizita de Esperanto-kurso de Pingtung-a Komunuma Kolegio okazis la 15an de decembro en Chicheng-Mezlernejo en Pingtung.

紀念柴門霍夫生日的世界語文化節由屏北社區大學世界語班主辦，於 12 月 15 日在屏東市至正國中舉行。

**Malfermo kaj prezentado de gratulmesaĝoj**
**開幕與介紹海外的賀詞**

Reza Kheirkhah oficiale malfermis la feston kaj gvidis ĝin Esperante, kaj fraŭlino Ingrid Chuang interpretis ĉine. Alvenis gratulmesaĝoj el

diversaj landoj, interalie Koreio, Japanio, Usono, Francio, Germanio, Nederlando, Kanado, Hungario, Italio, Uzbekistano, Barato, Pakistano, Novzelando, Aŭstralio, Burundo, Singapuro, Slovakio kaj Irano kaj pro manko de tempo li ne povis legi ĉiujn.

下午兩點伊朗世界語老師薛瑞察以世界語宣布正式開幕和致詞，熟悉世界語的莊迎華小姐擔任通譯。將近二十個國家的世界語朋友爲我們的大會寄來賀詞，包括來自韓國，日本，美國，法國，德國，荷蘭，加拿大，匈牙利，義大利，烏茲別克，印度，巴基斯坦，紐西蘭，澳洲，布隆迪，新加坡，斯洛伐克和伊朗等地。因爲時間的緊湊，無法一一宣讀。

## Klerigaj programeroj kaj enkonduko de Esperanto
## 文化節目和世界語介紹

Tajlanda Esperanto-lernantino Somboon Kao kaj ŝia amikino Aree prezentis gracian tajlandan dancon por bonvenigi la partoprenantojn kaj vivigi la feston. Post la danco prezentis sian talenton pri magiaĵoj juna studento, kies karesnomo estas Granda Kapo, kun aplaŭdo de la partoprenantoj.

Inter la ĉeestantoj estis kelkaj, kiuj unuafoje aŭdis pri Esperanto. Reza faris mallongan enkondukon kaj gvidis ilin al lernado de baza konversacio. Oni lernis frazojn kiel: “Bonan matenon”, “Kiel vi nomiĝas?”, “Dankon!”, “Ĝis la revido” ktp.



Reza poste invitis sian japanan amikon Issei Shiho ludi ŝamisenon. La ludanto lastatempe venis al Pingtung por instrui tiun muzikilon kaj ankaŭ la japanan lingvon. Poste lernantoj de flutoklaso de komunuma kolegio ludis fluton por la ĉeestantoj.

首先由原籍泰國的世界語學習者高淑雯和她的朋友阿蕾表演優雅的泰國傳統舞蹈以歡迎來賓，使大會熱鬧，其次綽號叫大頭的年輕魔術師黃冠淵表演幾段神奇的魔術得到觀眾熱列的掌聲。本次來參加大會的有些是初次聽到世界語，因此瑞察老師向這些初學者介紹世界語和教基本的會話。學到的句子包括早安！你好嗎？你貴

姓大名？謝謝！再見等。其次主持人邀請剛來屏東的日本三味線演奏家志甫一成表演，他剛來到屏東，希望在屏東教三味線和日語，並且演奏幾首大家熟知的台灣民謠。他的表演之後還有社大長笛班和二胡班的學員表演他們的練習成果。

## Prelego de Jorge Camacho
## 西班牙貴賓荷黑・卡瑪卓的演講

Unu el la honoraj gastoj de la festo estis fama hispana Esperantisto Jorge Camacho. Li prelegis pri sia sperto lerni kaj uzi Esperanton. Jorge Camacho estas ĉefe konata kiel Esperanta poeto. Unu mallongan poemon (malhajko) li legis antaŭ la aŭskultantoj kun tradukoj ĉina (de Mao Zhi-fu) kaj tajvana. Vidu paĝon 11.

Post lia prelego venis muzikaj programeroj volontule prezentitaj de la lernantoj de komunuma kolegio kaj inter ili ventrodanco kaptis la atenton kaj intereson de la spektantoj.

出席本會的貴賓之一是西班牙世界語者荷黑・卡瑪卓，他被譽爲傑出的世界語詩人，和與會者分享其學習和應用世界語的經驗，也爲大家唸了一首短詩〈非俳句〉，其譯文請看第 11 頁。

而後社區大學的學員帶來音樂表演，其中最引人注目的是肚皮舞。

## Paŭzo por trinkado, manĝeto, dancado kaj libroservo
## 提供茶點，舞蹈和書展的休息時間

Dum paŭzo unue estis farita memora grupofoto. Poste oni povis trinki aŭ manĝi dum Esperanta babilado aŭ krokodilado. Ĉe unu angulo estis libroservo, kiun kanada gasto Benjameno el Tajpeo zorgis. Tamen la plimulto de la ĉeestantoj partoprenis en grupodanco laŭ la fama kanto “Ĉu vi volas danci?”, kiun gvidis Bela, eksa Esperanto-lernanto.

在休息開始時，大家先一起合照後享用點心，喝茶，或用世界語或混合的語言聊天。最有趣的是跳舞，依照 “你要跳舞嗎?” 的旋律起舞，由世界語前學員 Bela 指導，一起學習舞步，活躍身體，享受快樂氣氛。在另一個角落有書展，由加拿大來的世界語朋友班哲民義務服務。

## Pliaj prezentadoj　休息後的節目

La unuan programeron pri “Esperanto kaj komerco” kaj “Esperanto-klubo en mia urbo Xia-men” gvidis ĉina Esperantisto Fabina aŭ s-ino Yu

Xi-mei en tre flua Esperanto, kaj poste instruistino de signolingvo s-ino Hu-zi prezentis la signolingvon kaj uzante ĝin instruis kanton. La signoj por “dankon”, “bonvenon”, “pardonu”, “amo” kaj “koro” estis tuj kompreneblaj kaj facile lerneblaj.

Laste, Abengo prelegis pri sia vojaĝo en Esperantujo. Li antaŭ ok jaroj esperantistiĝis kaj ekde tiam li vojaĝadis en pli ol dek landoj por Esperanto kaj per Esperanto.

首先由來自廈門的世界語者余細妹以流利的世界語演講 “世界語和商務”及“廈門世界語活動現況”。她是在國際活躍的世界語者，擔任國際世界語商務委員會的秘書，並且以世界語進行國際貿易。續她演講之後大會邀請社大手語指導老師胡茲介紹手語。大家不但學會謝謝，歡迎，對不起，愛，心等的手語，而且學會跟著歡迎歌比手語認知原來手語是那麼簡單易懂易學。

最後的節目是由阿明哥以世界語演講他以世界語旅遊世界諸國的經驗。



Cyril, la ĉeforganizanto de ĉi-jara ZF

**Tombolo kaj fermo 摸彩和閉幕**

Antaŭ la fermo de la festo oni faris valoran tombolon. Laŭ la numero de aliĝilo ĉiu gajnis ion. La artikloj estis donacitaj de la lokaj Esperantistoj, la plej multaj de kompanio Inpower Biotech Co., kies sekretariino s-ino Klementina Lin estas aktiva Esperantisto (temis pri mezgrandaj sakoj de jogurt-kukoj kiujn ricevis ĉiu partoprenanto). Krome venis donacoj de esperantista masaĝisto Kevin Shih, Anjur (ĉefino de manĝejo LaMorning), pediatro d-ro Henry Hung kaj Lydia, la edzino de la ĉefa organizanto de la ĉi-jara festo, Cyril. Ŝia donaco, verdaj stelformaj sapoj, estis tre populara.

大會在報到時就給參加者小禮物。這些禮物由熱心的本地世界語愛好者讚助，其中有法國世界語者 Cyril 的屏東籍妻子夏嘉琪贈送給每人手工自製的星型小香皂；銀寶生物科技公司贈送給每人一大盒乳酪餅乾，該公司的秘書是林欣樺小姐，

是熱心推動世界語的傑出會員。早餐店主人，世界語班新學員邱楷云小姐提供塑膠保護套和紅茶，小兒科醫師洪敏榮提供美麗貼紙。

結束大會之前還有一個摸彩活動，人人可以按照報到編號抽獎。有些人抽到日用品，有些人抽到點心，更幸運的抽到大內菁英脚底按摩館主人施驊恩提供腳底按摩的免費或優待卷。

## Postfesta kunveno en japana restoracio 會後的聚餐

Antaŭ la sesa horo vespere ĉiuj devis forlasi la halon, tamen la festo daŭris aliloke. Ĉirkaŭ 20 el la partoprenantoj kune iris al restoracio “Ĝardeno de Dolĉa Songô”. S-ino Kaori Omura (konata kiel Aminda), instruisto de la japana lingvo kaj lernanto de Esperanto, kaj ŝia edzo mastrumas la restoracion. Ŝi preparis esperantlingvan menuon.

Dum la manĝo ni denove aŭskultis la ŝamisenan muzikon luditan de japana muzikanto Issei Shiho.

晚上六點之前，大家要先離開會場。有些遠來和有事的朋友先離開，但還有大約二十名與會者一起到大村女士所開的日本料理店一起聚餐。此日本料理店名爲香夢園，主人是日語老師，大村女士，她又叫 Aminda，她的先生是屏東科技大學的教授。今天的餐飲單還用世界語表示。餐後，日本三味線演奏家志甫一成，再次爲大家表演日本和台灣的樂曲。

## Informilo de ZF
## 世界語文化節海報

La informilon de la ĉi-jara Zamenhoffesto desegnis Vinson, nia juna kaj talenta Esperanto-lernanto ĉe komunuma kolegio. Li bone kaj multe laboris por tio.

本海報是社區大學世界語班的學員 Vinson (王信翰)設計的。他既年輕又有才華，爲此活動費心勞力。

**Resumo　總結**

La festo estis bunta, internacieca kaj Esperanta. Ĝi ne estis serioza Esperanto-aranĝo, sed gaja kunveno por varbi novajn samideanojn kaj kuraĝigi la komencantojn de Esperanto. Jen iom da statistiko:

- Ĉeestantoj el dek landoj: Ĉinio, Francio, Hispanio, Irano, Japanio, Kanado, Koreio, Tajlando, Usono, krome Tajvano.
- 75 enskribitaj Esperantistoj kaj neEsperantistoj.
- Ĉirkaŭ 50 homoj prezentis siajn artojn.
- La kotizo por la festo estis nur 100 tajvanaj dolaroj, aŭ tri eŭroj.
- Broŝuro de Zamenhof-festo enhavis 30 paĝojn kaj estis printita en 200 ekzempleroj! Krom disdono inter la partoprenantoj ĝi ankaŭ iros al multaj, kiuj sendis mesaĝojn al nia festo kaj al amikoj en kaj ekster Tajvano.
- Gratulmesaĝoj, inter ili kvin filmoj, el 17 landoj kaj 5 kontinentoj.

Dum la pasintaj dek jaroj ĉiujare okazis Zamenhof-festo, aŭ en Pingtung, aŭ en Kaohsiung. Tio montras, ke la Esperanto-movado jam profunde radikas en Tajvano.

本文化節非常多彩，具有國際性，也具有世界的特色。本會雖不是很嚴肅的世界語討論會，但却是熱鬧的集會，可募集世界語的學習者，也可使已經學習世界語的人持續爲世界語的理想努力。以下是本大會的一些統計：

十國的參加者（台灣除外，還有中國大陸，法國，西班牙，伊朗，日本，加拿大，韓國，泰國，美國）；

七十五個報名的參加者（世界語的學習者，或對世界語有興趣的人）；

大約有五十個人參加大會的某種才藝表演；

報名費只要一百元新台幣，大約只有三歐元；

大會印有三十頁的大會手冊，本手冊印了兩百分，除分給參加者之外，還分送給爲本會致賀詞的國外朋友或社團；

祝賀詞(包含五個小影片)來自五大洲的十七個國家。

在過去的十年，每一年都舉行一次世界語文化節，大都是在屏東市舉行，但有兩次在高雄舉行。這表示世界語已經在台灣奠定了基礎。

Gastoj el dek landoj partoprenis en la festo. Jen la nomoj de kelkaj gravaj el ili:

- Jorge Camacho kaj lia pingtung-a edzino (el Hispanio)
- Benjamin Irwin, kanada esperantisto, nuntempe loĝanta en Tajpeo kiel instruisto pri la angla
- Fabina, aŭ Yu Xi-mei, ĉina esperantistino de Xia-men, aktiva pri IKEF en Ĉinio
- Robert Brook kaj lia pingtung-a edzino (el Usono)
- Kim Hoi-eun el Koreio (unumonata lernanto de Esperanto, kiu tamen sufiĉe komunikis)
- Manlajo, aŭ prof. Yu Wan-lai, la zorganto de tajvana *lernu*-paĝaro
- Profesoro Cho Chaoming, Esperanta vojaĝisto kaj vortaristo
- Cyril Vergnaud, nova talenta Esperantisto el Francio
- Reza Kheirkhah, instruisto pri Esperanto kaj angla lingvo el Irano

許多本國和國際世界語人士參加此集會，值得一提的有：

來自西班牙的世界語文學家荷黑・卡瑪卓先生與其原籍屏東的夫人

來自台北，現在擔任英文教師的加拿大世界語者雅文・班哲民先生

來自廈門的活躍世界語專家余細妹女士

美國友人羅伯・布魯克先生與其原籍屏東的夫人

來自大韓民國的金惠恩小姐（只學一個月的世界語，已能以世界語溝通）

在雲林科大擔任教授的游萬來教授(他是 Lernu 世界語學習網站的中文編輯)

從高雄科技大學退休的卓照明教授(他是世界語旅行家和世界語詞典的編輯家)

在屏東教授英語和法語的法國人夏禹龍先生與其屏東籍的夫人

來自伊朗，久居屏東的世界語和英語老師薛瑞察先生

Pro iom longa distanco iuj Esperantistoj el la norda parto de Tajvano ne venis al la festo. Prof. Wang Ju-kwei pro malfacileco moviĝi kaŭzita de trafika akcidento bedaŭrinde ne ĉeestis.

在台灣北部有許多世界語者不便來參加盛會，例如：最近因交通事故不良於行的世界語翻譯家王九逵教授等。

# Mesaĝo de Prof. Wang Ju-kwei al Zamenhof-festo
## 王九逵教授致函柴誕節

Karaj Amikoj ĉe la Zamenhof-festo 2013 en Pingtung:

Sfinkso demandis al preterpasantoj: "Kia estaĵo iras sur kvar kruroj matene, du dum tagmezo kaj tri vespere?" La preterpasanto respondis: "La estaĵo estas la homo. Dum lia mateno de vivo, li rampas sur manoj kaj piedoj. Dum lia mezaĝo li piediras per du kruroj. Dum la vespero de lia vivo, li movas sin per helpo de promenbastono."



Por mi la situacio estas malsama. Antaŭ la trafika akcidento mi trapasis la stadiojn de kvar kaj du piedoj. Ĝuste post la akcidento mia kruro kaŝiĝis en plastra ingo, kaj mi havis radseĝon kun du grandaj kaj du malgrandaj radoj por movi min. Poste mi iris per helpo de marŝilo kun kvar kruroj, kaj tial mi havis entute ses krurojn kiel insekto. Nun mi iras per helpo de lambastono kaj sukcesas stari sen ĝi.

Karaj amikoj, bonvolu preĝi por mi, ke dum la Zamenhof-festo 2014, mi ne nur povos veni Pingtung-on celebri kun vi, sed ankaŭ veni sur nur du kruroj.

Havu feliĉan Zamenhof-feston,
**Ju-kwei Wang** de Pingzhen, Taoyuan

台灣桃園縣平鎮市的來函

親愛的在屏東參加 2013 年柴誕節的朋友們：

獅身人面的妖怪問過路人：「哪種動物早晨走路用四條腿，中午用兩條，晚上用三條？」過路人答：「那動物是人，在他的早年他手腳並用爬行，中年用兩條腿，在他生命的晚上，他走路必須靠拐杖的幫助。」

我的情況就不一樣。在出車禍前我也經過了四腿和兩腿的階段。剛出車禍後我的腿藏在石膏裡，走路要靠有兩個大輪子和兩個小輪子的輪椅。後來我要用有四條腿的助行器走路，所以那時我像昆蟲一樣，有六條腿。現在我需要枴杖行走，但已經成功地不用枴杖站立了。

親愛的朋友們，請為我祝福：但願在 2014 年柴誕節時，我不但能够參加，並且只用兩條腿就能來屏東。

敬祝柴誕節快樂
**王九逵**
寄自桃園平鎮

## Guma Anaso
### 黃色小鴨

En la pasinta jaro en Tajvano furoris tiel nomata granda guma anaso kiu estis metita sur akvon en diversaj partoj de Tajvano kaj milionoj da homoj vizitis ĝin kaj dekoj da miloj da plastaj anasoj estis vendataj ĉie.

Jen kelkaj informoj pri ĝi:

- Kreinto:
  Nederlanda artisto
  Florentijn Hofman
- Konstruanto:
  Ching-Fu Ŝipfarejo
  en Kaohsiung
- Alteco: 18 metroj
- Longeco: 25 metroj




## Notoj el mia Vojaĝo en Tajvano
### 台灣行旅記趣

***Hyun-kyu SHIN (Mondero)***
***Koreio* 南韓**

*Du junaj studentoj de universitato Hankook vizitis Tajvanon en la mezo de januaro 2014 por viziti diversajn urbojn kaj renkonti Esperantistojn. Mondero estas studento de angla lingvo en la lasta jaro kaj Juno studas la ĉinan lingvon en la unua jaro. Ili estis tre scivolemaj kaj aktivaj kaj krom interparolo kun lokaj Esperantistoj ĉiam ankaŭ faris diversajn demandojn. Jen la raporto pri ilia vojaĝo.*

2014 年一月中，韓泰(Hankook)大學兩位年輕學生來台灣遊覽不同的城市，與世界語者相會。Mondero 是英語系應屆畢業生，Juno 是中文系二年級生。他們事事好奇又活躍，與當地世界語者交談總是提出了各式各樣的問題。且看其旅行記趣。

Kion iri eksterlanden signifas al vi? Multaj homoj pensas, ke vidi historian postrestaĵon aŭ manĝi tradiciajn manĝaĵojn estas indaj celoj. Ĝi estas prava, sed alipense, *Ĉu ni ja sufiĉe vojaĝis nian landon?* Tiam, se ies celo de vojaĝo estas sperti iun landon, ŝajnas, ke turismo ne estas sufiĉa.

해외로 나간다는 것은 무엇을 의미하나요? 많은 사람은 유적을 방문하고 전통 음식을 먹는 것이 추구할 만한 목표라고 생각합니다. 맞는 말입니다만 달리 생각하면, 우린 우리나라는 충분히 여행했다고 할 수 있을까요? 그러므로 만약 어떤 사람의 여행 목적이 한 나라를 경험하는 것이라면, 관광을 하는 것만으로는 충분하지 않은 것 같습니다.

Mi kaj Juno planis vojaĝi ne normalstile. Viziti ĉiujn postrestaĵojn aŭ memoreblajn lokojn ne estis eble. Do, kun juneco kaj lerteco en lingvoj, ni decidis iri al Tajvano, helpate de multaj Esperantistoj. Danke al Profesoro Lee Jungkee (Ŝlosilo), ni facile aranĝis nian planon por Tajvano.



En Houtong, Mondero klopodas konatiĝi kun kato

저와 유노는 일반적이지 않은 방식으로 여행을 하기로 계획했습니다. 모든 유적지나 기념이 될 만한 곳을 방문하는 것은 불가능합니다. 그러므로 젊음과 언어 능력을 바탕으로 해서 저희는 여러 에스페란토 사용자의 도움을 받으며 대만으로 가기로 결심했습니다. 이중기 교수님께 감사를 드리며, 우리는 대만에서 있을 계획을 쉽게 짤 수 있었습니다.

La unua loko estis Tajpeo. Ni atingis Tajpeon malfrue, kaj dormis en junulara gastejo ĉe Songŝan stacidomo. En la sekva tago, mi kaj Juno iris al Houtong por vidi katojn. Kiam ni revenis, Benjameno, kiu estas Esperantisto kaj venas de Kanado, gvidis nin al nokta bazaro Raohe. Ni kune ĝuis la nokton de Tajvano kaj povis elekti la plej bonajn manĝaĵojn, pro tio ke Benjameno sufiĉe sciis, kio estas bona kaj bongusta.


Mondero kun tajvana flago, en Hongmaocheng, Danŝui

첫 번째 장소는 타이페이였습니다. 저는 타이페이에 늦게 도착했고, 송산 역 근처의 유스호스텔에서 잤습니다. 다음날, 저와 유노는 고양이를 보기 위해 허우통에 갔고, 돌아와서 캐나다인 에스페란토 사용자인 벤자민을 만났습니다. 벤자민은 라오허 야시장을 소개해줬고, 저희는 타이완의 밤을 함께 즐길 수 있었습니다. 벤자민이 어떤 게 좋고 맛있는 음식인지를 알아서 가장 괜찮은 음식을 고를 수 있었습니다.

La dua loko estis Danŝui. Mi kaj Juno aparte vizitis tien. Mi eniris Hongmaocheng kaj lernis iom da historio de Tajvano. Poste, ni renkontiĝis en Danŝui stacidomo kaj iris al Xinzhu. Ni eniris eraran trajnon kaj ĉi tio faris nin plipasi unu kaj duonon da horo plu. Renkontante Zhong Qiyao, ni kune vespermanĝis kaj dormis en lia domo.

두 번째 장소는 단수이였습니다. 저와 유노는 따로따로 그 장소에 방문했습니다. 저는 홍마오청을 방문하여 타이완의 역사 일부를 배웠습니다. 그 후, 저희는 단수이 역에서 만나서 신주로 갔습니다. 예상하지 못한 실수로 기차를 잘못 타서 한 시간 반 정도를 더 써야 했습니다. 치야오 씨를 만나서 우리는 함께 저녁을 먹고 치야오 씨 집에서 잤습니다.

La tria loko estis Neiwan kaj la monda ekspozicio. Qiyao gvidis nin al Neiwan, kiu havas amuzajn vidaĵojn kaj bonajn manĝaĵojn. Pro ekspliko de Qiyao, mi kaj Juno komencis kompreni la vivon de tajvananoj.



Mi, Juno, Qiyao kaj lia edzino, en Neiwan

세 번째 장소는 네이완과 세계 엑스포였습니다. 치야오 씨는 흥미로운 볼거리와 좋은 음식이 있는 네이완으로 우리를 안내했습

니다. 치야오 씨의 설명 덕분에 저와 유노는 대만 사람의 삶이 어떤 것인지 이해하기 시작했습니다.

La kvara loko estis Yunlin. Manlajo (la zorganto de *lernu*-paĝaro en ĉina lingvo) atendis nin en la stacidomo. Li havas unu domon, kiu nomiĝas E-domo. Ni tranoktis du tagojn tie. Gvidate de Manlajo, ni vizitis Taixi, lian universitaton, Aliŝan (Monto), ktp, kun sinjorino Lisa. Li tre arde gvidis nin, kaj ni iom sentis kortuŝecon.

네 번째 장소는 윈린이었습니다. 만라요 교수가 역에서 우리를 기다렸습니다. 만라요 교수가 E-domo 라고 불리는 집을 가지고 있어서 저희는 그 집에서 이틀을 묵었습니다. 만라요 교수가 안내하여 저희는 리사라는 여성과 함께 타이시, 만라요 교수의 대학, 아리산과 기타 장소를 들렸습니다. 만라요 교수가 열성적으로 저희를 안내해줘서 약간 감동적이었습니다.

La kvina loko estis Pingtung. Reza bonvenigis nin, kaj aliaj geamikoj kiel Kevin, Rico, Ingrid, Somboon, Celine, Ailin, Gloria, Cherry, k.a. salutis nin. Mi en vespermanĝo prelegis pri Seulo kaj Olivo (nia Esperanto-klubo en universitato en Seulo). En la sekva tago, Kevin kaj Rico gvidis nin al indiĝena kultura parko, kie ni gustumis ilian riĉan kulturon malsaman al ĉina kulturo.

다섯 번째 장소는 핀퉁이었습니다. 레자 씨가 저희를 반겼고, 케빈, 리코, 잉그리드, 셀린, 아이린, 글로리아, 체리 등 다른 친구들 역시 우리를 환영했습니다. 저는 저녁식사 때 서울과 올리보에 대해 발표를 했습니다. 다음날, 케빈과 리코가 원주민이 사는 곳으로 우리를 안내했습니다.

La sesa loko estis Kaohsiung. Abengo bonvenigis nin, kaj bedaŭrinde mi ne povis resti en Kaohsiung longe pro reveno al Tajpeo, sed Juno restis kun li preskaŭ la tutan tagon. Li gvidis nin al bela stacidomo kiu enhavas vitrojn kiuj esprimas la tutvivon de universo. Poste mi revenis al Tajpeo kaj dormis en la dormejo de Benjameno. Multaj aliaj eventoj okazis en la vojaĝo, sed mi ne scias kiel mi povas skribi tion per mia malbona lerteco de Esperanto.

여섯 번째 장소는 카오슝이었습니다. 아벵고가 우리를 맞이했고, 안타깝게도 저는 타이페이로 돌아가야 해서 카오슝에 오래 있지는 못했습니다. 아벵고는 우주의 역사를 표현한 유리로 장식된 역으로 우리를 안내했습니다. 타이페이로 돌아가서 저는 벤자민의 집에서 잤습니다. 그 외에 여행 중에 많은 일이 있었지만 제 부족한 실력으로 어떻게 그걸 적을지를 모르겠습니다.

Kion mi komprenas pri Tajvano post vojaĝo? Eble mi kaj Juno ne vizitis sufiĉajn lokojn turismajn. Sed fakte, ni sendube povas diri, ke ni sufiĉege komprenas Tajvanon nun. Ni multe demandis kaj aŭdis la kulturon, ideon, penson, ktp de tajvananoj. Sen Esperanto, ni nur estus vizitantoj, kiuj fotas aĵojn sen kompreni historion, originon, ktp. Verdire, mi volas vojaĝi Tajvanon en la sekva jaro, kiel vizitanto. Tajvano donis al mi multe da bonmemoroj kaj ja nun al mi mankas la insulo tre.

여행이 끝나고 저는 대만에 대해 어떤 것을 이해했을까요? 아마 저와 유노는 관광할 만한 장소를 충분히 방문하지는 못했을 겁니다. 하지만 사실 저희는 대만 자체를 제대로 이해했다고 확실히 말씀 드릴 수 있습니다. 저희는 대만인의 문화, 사상, 생각과 같은 것에 대해 많이 묻고 이에 답을 들었습니다. 에스페란토가 아니었다면, 저희는 그저 방문객이었을 것이고, 역사나 유래 등은 모른 채 사진을 찍느라 정신이 없었겠죠. 내년에 한 명의 관광객으로서 대만을 다시 방문하고 싶습니다. 대만에서 만든 좋은 추억이 엄청 많고, 벌써부터 그 섬이 그립기 때문입니다.

## Meditado en Koreio per Esperanto
## 韓國世界語冥想會

***Rico Chen* 陳奕州**



我參加 2014 年 的韓國冥想聚會，也是我第一次出國，因世界語並不是很說得很流利，到那邊難免會有一點擔心沒有任何人理我們，不過一到韓國我完全改觀，根本不必擔心世界語 說的好不好，因爲參加的人有來自不同國家的世界語學者，當然也有中國人，他們都很熱心的幫助我們，在活動中心是練習說世界語的好場所，透過這次聚會我發覺 自己進步很多。冥想聚會是一個很有趣的活動，它能讓你認識很多朋友及了解各國的民俗風情文化，不論你是初學者或有學習一段時間，能夠參加類似這樣的聚會， 唯有這樣才能提升語言能力。

Mi kaj du Esperantistinoj el mia urbo Pingtung partoprenis la meditadan renkontiĝon en Koreio en Januaro 2014, kaj tio por mi estis la unuafoja vojaĝo eksterlanden. Pro tio ke mia Esperanto ne estas tre flua, mi zorgis pri tio kiel mi povas facile komuniki kun aliaj, sed tiu zorgo tute ŝanĝiĝis kiam mi atingis al Koreio. Ĉeestis la renkontiĝon kelkaj bonaj Eperanto-parolantoj el diversaj landoj, kompreneble ankaŭ ĉinoj, kiuj estis tre paciencaj helpi nin kaj ni povis multe praktiki parolon de Esperanto. Tra tiu renkontiĝo, mi trovis ke mi multe progresis. La diversaj programoj en ĝi estis tre interesaj kaj utilaj. Ĝi donis eblecon al ni koni multajn amikojn kaj kompreni morojn kaj kulturojn de ne nur Koreio, sed ankaŭ de aliaj landoj. Ĉu vi estas komencanto aŭ povas bone komuniki en Esperanto, en ambaŭ kazoj vi povas partopreni en tiu kunveno aŭ similaj por plibonigi vian lingvan kapablon. Se mi havus ŝancon mi volas ree viziti Koreion kaj havi novajn spertojn kaj geamikojn.

## Tri memorindaj semajnoj en Seulo

### 在首爾，令人難忘的三週

***Simone Robert***

***Novzelando*** **紐西蘭**

*Simone entute restis en Tajvano dum pli ol kvin jaroj en kelkaj periodoj. Ŝi lernis Esperanton tre rapide dank' al sia kono de kelkaj aliaj lingvoj inkluzive de la franca, germana kaj japana (kies prononco tre similas al tiu de Esperanto). Ŝi dum restado en Tajvano ofte helpis la lokan movadon i.a. per instruo de Esperanto kaj partopreno en diversaj agadoj. Ŝi vojaĝis al Japanio kaj Koreio uzante Esperanton kaj jen ŝia raporto pri la vizito al Seulo.*

西蒙逗留台灣前後超過五年。她學習世界語極爲神速，這得益於她通曉多種語言，包括法語、德語、日語（其發音非常類似於世界語）。在台期間，她經常幫助當地的運動，如世界語教學及各種活動的參與。她使用世界語前往日本和韓國旅行，且看，其訪問首爾的報告。

La temperaturo estis sub nulo kiam Lumera akceptis min ĉe la Incheon internacia flughaveno. Post renormaliĝo per ĉokolada trinkaĵo, ni veturis buse unu horon ĝis ŝia hejmo.

Certe mi ne povis havi pli bonan gastiganton ol Lumera, kiu ne nur estas tre inteligenta kaj zorgema, sed ankaŭ funkcias kiel parolanta enciklopedio pri korea historio kaj Seulo, ŝia naskiĝurbo. Ŝi certigis ke krom viziti turistajn lokojn mi ankaŭ spertu kelkajn el nebone konataj lokoj ne vizitataj de kutimaj turistoj. Kelkfoje ŝi akompanis min, sed alifoje mi sola turismis uzante metroan mapon kaj ŝiajn rekomendojn. Eĉ tiel, post 13 tagoj ŝajne mi esploris nur kelkajn regionojn de tiu ĉi urbo de 10,5 milionoj da loĝantoj. Tio ne mirigis min konsiderante ke mi pasigis multe da tempo en artgalerioj kaj muzeoj.



Japana Tieko, Nov-Zelanda Simone kaj Korea Lumera.

Kelkaj specialaj memorindaĵoj:

*Formika vilaĝo*: Estas vilaĝo de nur domaĉoj, situanta en malaltaj montetoj ĉe rando de moderna Seulo, kaj kies loĝantoj estas plejparte malriĉaj maljunuloj.

Tamen, de tiu vilaĝo, oni povas spekti grandiozan kaj modernan Seulon. Iom post iom, kelke da plibonigoj okazis al la domaĉoj. Antaŭnelonge, junaj artistoj aperis en la vilaĝo kaj pentris helajn kolorplenajn bildojn sur fasadoj. Tio altiris spektantojn kaj nuntempe, loka administrado kune kun privataj organizoj iom post iom plibonigas loĝantaran malfeliĉan staton.

*Nigrablanka Pinarba pentraĵa ekspozicio:* Ĝi okazis en *Seula Muzeo* en Buan-Dong. La pinarbo tenas specialan signifon por koreoj. Tio respegulas la tri Konfuceajn valorojn kiuj estas la plej karaj al ili, temas pri *integreco*, *eltenemo* kaj *pacienco*, kiuj estas vive prezentataj en la artaĵoj de Moon.

Unu el liaj plej famaj pentraĵoj, *La Miljara Pinarbo Profunde Enradikiĝinta en Seokpajeon Ĝardeno*, respegulas la veran arbon kiu

ankaŭ povas esti admirata en la ĝardeno. Kaj la atingita perspektivo en lia *Gangneung Chodang*, kiu okupis tutan larĝan muron, ebligis onin senti sin meze de arbarego.



Tradicia kaj nova arkitekturoj. Unu el la kvin plej gravaj palacoj.

*Van Gogh en Parizo* en la Seula Arta Centro, ekspoziciis 60 el pentraĵoj kreitaj dum lia dujara restado en Parizo de 1886 ĝis 1888, kie li eksperimentis pri helaj koloroj kaj punktismo. Unu el la plej larĝaj kaj imponaj kanvasaj pentraĵoj uzante tiun arton estas lia *Ĝardeno kun Amantaj Paroj (1887).*

Estis mirinda posttagmeza sperto inter pentraĵoj de Vincent Van Gogh.

*World Beat Binari* en la Jogno Cine Core, estas vigla kaj energidona muzika spektaklo kiu estas longe aplaŭdata en 53 landoj.

Uzante tradiciajn kordajn kaj perkutajn instrumentojn inkluzive larĝajn fortajn tamburojn, la muzikistoj ludas tradiciajn koreajn ritmojn kaj modernajn interpretojn de folkloraj kantoj. La harmonia integrado de potencaj sonoj produktitaj per dinamika kaj eksperta rolularo lasis la aŭdantaron energi-plena kaj feliĉa.

La *Korea Nacia Muzeo* en Incheon. Dum kvin horoj mi ĝojis plifortigi informojn ricevitajn de Lumera kaj suplementi ilin.

Profesoro Lee Jung-kee, nomata Ŝlosilo, invitis min dufoje al sia 253-a kurso de *Esperanto por Komencantoj,* okazanta en la *Seula Esperanto-Kultur-centro.*



Haechi, Seula simbolo ek de 2009

Dum la duhoraj sesioj li tenas la atenton kaj la engaĝiĝemon de la gelernantoj per vigla, humura instrumaniero. Li donacis al mi kopion de populara lernolibro *Baza Lernolibro de Esperanto*, kiun li mem verkis.

Dank' al Ŝlosilo kaj Lumera, mia restado en Seulo estis kompleta sukceso. Eĉ la tagaj sub-nulaj temperaturoj ne sukcesis malvarmigi mian entuziasmon.

Mi restis en Koreio de la 8a ĝis la 28a de Januaro 2013

## Unua Indonezia Esperanto-Kongreso
首屆印尼世界語大會

***Abengo* 阿明哥**

La 1-a Indonezia Esperanto-Kongreso okazis en Bogor, 5-8 Aprilo 2013. Pli ol 80 esperantistoj aliĝis al la kongreso. Inter ili estis 30 eksterlandanoj kaj ĉ. 50 lokanoj. Laŭlande, venis du el Belgio, naŭ el Japanio, po du el Koreio kaj Orienta Timoro, po unu el Ĉinio, Finnlando, Italio, Nederlando, Singapuro, Svedio kaj mi estis la sola partoprenanto el Tajvano. Belga Heidi Goes estis la ĉefa zorgantino de la kongreso.



La programo de 5-a de aprilo enhavis akcepton, kurson de indonezia lingvo, prelegon pri Pasporta Servo, kursojn de Esperanto kaj interkonan vesperon. La malfermo okazis matene de la 6-a de aprilo, post tradicia Bali-danco estis legitaj salutmesaĝoj de diversaj organizoj kaj famuloj.

Menciindaj estas Probal Dasgupta, prezidanto de UEA, Renato Corsetti, eksa prezidanto de UEA, Sasaki Teruhiro, prezidanto de KAEM, Lee Jung-kee, prezidanto de Seula Esperanto-Kulturcentro. Mirinda estis la mesaĝo de Fidilalao Henriel, prezidanto de Unuiĝo de

Malagasaj Esperantistoj: “Granda estas la distanco inter Indonezio kaj Madagaskaro, tamen ni havas komunan historion ĉar parto de la malagasa popolo devenas de Indonezio kaj ties ĉirkaŭaĵo”.




Krom tri maljunaj Esperantaj pioniroj la lokaj esperantistoj estis tre junaj kaj entuziasmaj. Okulfrapaj estis ke inter ili multaj estis islamanoj kaj pli ol duono estis virinoj.

La kongresa temo estis: “Ankaŭ en la fekunda grundo de tiu ĉi mirinde bela lando la idealo de doktoro Zamenhof kreskos”. La malfermo finiĝis per komuna kantado de “La Espero”.

Post la malfermo oni faris komunan foton kun ĉ. 80 esperantistoj kaj 8 junuloj de Bali-danca grupo. Interese estis ke kelkaj terapiistoj de Yumeiho partoprenis en la kongreso. Ili eklernis Esperanton kaj faris Yumeiho-terapion dumkongrese.

En la kongreshalo estis eta librofoiro kaj vendejo de esperantaĵoj. Oni vidis ke kelkaj lernolibroj aŭ vortaroj en la indonezia jam haveblas.

## Digna kongreso por grava jubileo
## 隆重的週年紀念會

***Detlev Blanke***
***Germanio 德國***

*La 90a Germana Esperanto-kongreso okazis lastjare en Nurenbergo, urbo kies Esperanto-klubo estas konata kiel la plej malnova en la mondo. Ĝin organizis lokaj Esperantistoj en tiu urbo, inter ili Sabine kaj Pit Hauge, kiuj cetere kaj hazarde ankaŭ estas helpantoj por reviziado kaj enpaĝigo de tiu ĉi gazeto de Tajvano. La verkinto de tiu ĉi raporto estas inter la plej eminentaj Esperantistoj nuntempaj.*

第 90 屆德國世界語大會去年在紐倫堡舉辦。該市有當地世界語者創立的被稱爲世上最古老的世界語俱樂部，其中最傑出的薩賓(Sabine)和坑豪格(Pit Hauge)，恰巧也是＜台灣世界語報＞重要的校對編輯人員。本報告的作者是現今世界上最知名的世界語者之一。




Prof. Cho salutas nome de Tajvano

Mi partoprenis diversajn kongresojn de GEA, la 90-a por mi apartenas al la plej riĉaj kaj plej bone organizitaj.

Ni komencu historie: Kiel konate, en 1888, do antaŭ 125 jaroj, en Nurenbergo fondiĝis la unua Esperanto-klubo (surbaze de la antaŭa volapuka grupo). Tio estis sufiĉa kialo okazigi la kongreson de Germana Esperanto-Asocio ĝuste en tiu ĉi tradiciriĉa urbo. La kongreso okazis de la 17-a ĝis 20-a de majo 2013 en la Caritas-Pirckheimer-Haus, tre taŭga kongresejo, kiu ebligis okazigon de ĉiuj aranĝoj sub unu tegmento, krom tio ankaŭ la loĝigon kaj manĝigon de la kongresanoj.

La kongreslibro donis bonan superrigardon pri la programo. Cetere, utilis legi unue la tekston ĉe la fino de la libro (p. 31-51), kie Bernd Krause donis bonan superrigardon pri la historio de Esperanto en la kongresa urbo. La kongreson partoprenis proksimume 170 homoj, inter ili kelkaj el Britio, Ĉeĥio, Ĉinio (Tajvano), Italio, Koreio (Suda), Japanio, Nederlando, Pollando, Serbio, Slovakio, Svedio kaj Usono. La programo havis la tradiciajn partojn: Solenaĵoj, urbodoma akcepto, festprelegoj, laŭstatuta membro-kunveno de GEA, diverstemaj prelegoj, kulturaj aranĝoj, diservoj, fakaj kunvenoj, ekspozicioj, libroservo kaj ampleksa oferto de ekskursoj. Kompreneble ne mankis la tradicia “knajpo” (drinkejo) kaj sufiĉe da aliaj ebloj por sperto-interŝanĝoj, interkonatiĝoj kaj babiladoj.

Ĉi-kongrese oni prezentis eĉ du festprelegojn. Martin Haase ("jubilea festprelego") konatigis nin pri multaj historiaj faktoj, artaĵoj kaj specialaĵoj, kiuj famigis/-as la urbon ne nur naciskale. La prezidanto de GEA Rudolf Fischer en sia malferma parolado kritike analizis kelkajn negativajn fenomenojn (malapero de grupoj, eĉ de landaj ligoj). Pledante por adaptiĝo de la esperantista agado al la novaj kondiĉoj (i.a. pro la rolo de la reto) li tamen forte pledis – laŭ mi prave – por konservo de organizaj strukturoj. La duan festprelegon ("kongresa festprelego") prezentis la eksprezidanto de Universala Esperanto-Asocio Humphrey Tonkin, kiu laŭ historia perspektivo ne nur trafe analizis la fluojn kaj tendencojn en la Esperanto-movado, sed klare kaj tre kritike metis la fingron sur diversajn aktualajn vundajn punktojn, kiuj nin maltrankviligas. Li prezentis defiojn, ankoraŭ ne sufiĉe akceptitajn, en la elektronika, informeksploda kaj globaliĝanta epoko (la prelego troveblas en youtube sub GEK2013#03). La eksterordinare forta kaj longa aplaŭdo ŝajne surprizis eĉ la preleginton.



Pit Hauge gvidis tra la urbo

Entute la prelega programo estis tre riĉa. Temis pri la rilatoj inter Esperanto kaj politiko (Ulrich Matthias, Eugen Macko), Rejno-Majno-Danubo-Kanalo (Franz-Georg Rössler), prezento de krimromano kun Esperanto (Thorsten Sueße), novaĵoj de E@I, la funkciado de Vikipedio kaj lernado pere de la reto (Peter Baláž kaj Marek Blahuš), sekvoj de la katastrofo de Fukuŝimo por japanoj (Kimura Goro Christoph), pri personoj ne nur esperantistaj (Martin Turban pri Titus Brandsma, Peter Zilvar kaj Zsófia Kóródy pri Joachim Gießner, Detlev Blanke pri postlasaĵoj de pioniroj kaj – ne laste – Sabine Hauge pri la nurenberga mondfamulo Albrecht Dürer).

Pri la programaro iDiS por membroadministrado kaj – aliloke – pri ateismo prelegis Martin Sawitzki. Nekutime malmultis fakaj kunvenoj (instruistoj kun Zsófia Kóródy kaj KELI kun Hedwig Fischer). Oni krome povis partopreni KER-ekzamenojn. Vere abundis la oferto de ekskursoj (entute 10), bone subtenata per la plaĉe redaktita broŝuro "Promene tra Nurenbergo laŭ la Historia Mejlo", kiu priskribis kaj kolorfote prezentis 35 objektojn (ni ĝue uzis la utilan gvidilon). Al la kulturaj aranĝoj apartenis kurtfilmoj (konkurso de GEA), la filmo "La granda diktatoro" (de Charlie Chaplin), monodramo pri Galileo (kun Saša Pilipović), koncerto de Ĵomart kaj Nataŝa kaj dancmuziko kun Leo Sakaguchi. Riĉan elekton el siaj libroservoj prezentis Wolfgang Schwanzer kaj Petro Chrdle. Cetere, kiu volas migrigi librojn kaj sekvi ilian vojon en la reto informiĝis pri "bookcrossing" (librokrucigo) ĉe Julia Noe. Ĉar esperantistoj ankoraŭ korespondas, jes ja, ankaŭ papere – malgraŭ la reto – en Nurenbergo ili povis uzi la porokazan poŝtstampon.




Kadre de la 90-a kongreso de GEA okazis la vigla laŭstatuta membrokunveno, dum kiu la membroj elektis novan estraron. La longe kaj meritplene oficinta prezidanto Rudolf Fischer transdonis la torĉon al juna homo, al Sebastian Kirf.

Verŝajne mi forgesis multon. Ĉe tiaj kongresoj ne nur gravas la programo sed ankaŭ la multaj personaj kontaktoj kaj la refoja sperto, ke Esperanto vivas, evoluas kaj atingas ĉiam novajn aplikosferojn. La 8-kapa Loka Kongresa Komitato faris mirindan laboron, sendube sufiĉe komplikan.

# La unua Irana Esperanto-kongreso

第一屆伊朗世界語大會




Irana Esperanto Asocio (irea) anoncas okazigon de la unua irek (Irana Esperanto-Kongreso) de la 24a ĝis 26a de marto 2014. Irano havas longan historion de Esperanto-movado, sed en la lastaj jaroj esperantistoj de la mondo havis maloftan okazon por viziti Iranon. Jen estas unika ŝanco por ĝui la Esperantan etoson kun abundaj programeroj kaj samtempe iom turismi tra la lando. Menciindas ke la kongreso koincidas kun la iranaj novjaraj ferioj kaj tio donas oportunon por kaj kongresi kaj ĝui la novjarajn festojn tra la lando dum la plej favora kaj agrabla klimato.

La kongresa temo *Esperanto, Lingvo de Ideo kaj Idealo* estas bone elpensita kaj elektita por la unua landa kongreso en kiu oni prezentos Esperanton al la publiko. Samtempe okazos seminarioj, prelegoj, diskutoj kaj rapidaj kursoj. En la programo estas antaŭplanitaj kulturaj aranĝoj kiel arta vespero kaj muziko dum la unuaj du tagoj kaj ekskurso por la lasta tago de la kongreso.

Estas bonvenaj viaj kontribuoj pere de artikoloj, prezentoj kaj aktiva partopreno en aranĝo kaj plifruktodonigo de la okazo

Por pliaj detaloj bv kontakti kun s-ro Hamzeh Shafiee:
hamzeho@gmail.com

山豬學校

# Lernejo de Aproj

*Ahronglong Sakinu (Dai Jih-ciang*）亞榮隆 撒可努（漢名戴志強 ）
*elĉinigis Wang Ju-kwei* 王九逵

如果叫我說我與父親打獵的故事，說它個三天兩夜都說不完。但在記憶裡，父親的獵人哲學，卻讓我上了一課原住民如何和所有事物維持平衡及 以人性的方法對待大自然。小時候的我，可能因爲好動調皮，所以成爲部落裡不受歡迎的小孩。通常，只要部落裡哪家的東西壞了，或是不見了，很快的就會傳到我 父親的耳朵裡，接下來的後續情形，難免就是一陣毒打，是不是我幹的都是一樣，只因爲我不受歡迎。

Se vi volas aŭskulti la rakontojn de mia ĉasado kun patro, mi povus paroli almenaŭ por tri tagoj kaj du noktoj. En mia memoro, la filozofio pri ĉasado de patro instruis al mi, ke ni pajvanoj (pajvanoj estas indiĝena gento en Tajvano) traktas ĉion de naturo en ekvilibro kaj kun humaneco. Dum infaneco, eble pro mia petolemo, mi estis nenie bonvena. Se io de najbara domo estis rompita aŭ perdita, tre baldaŭ mia patro sciis pri tio, kaj severe punbatis min, ĉu mi rompis aŭ ŝtelis tion, ĉu ne. Li batis min simple pro tio, ke mi ne estis bonvena.

父親爲了怕部落的人說話，只要一有假日，就帶著我到他的獵場打獵。所以那時候讀小學的我，最喜歡星期一到星期五上課的日子；有時候我會 趁著上學的理由逃課，有時候跑到別人的果園和玉米園，或是蕃薯園烤玉米和地瓜；黃昏時，遠遠的看到學校的路隊，再插進路隊回家。每到禮拜六的時候，我就開 始害怕，心裡想「好不容易讓我等到了禮拜天，終於可以放肆玩樂」時，卻會被父親叫住：「明天星期天，你跟我去看陷阱。」

Pro timo de plendoj de tribanoj, patro dum ferioj ĉiam prenis min ĉasadi en nia ĉasejo. Tiam mi studis en elementa lernejo. Mi ŝatis lundon ĝis vendredo, ĉar mi povis eviti la lernejon kaj iri en ĝardenojn ŝteli maizospikojn aŭ batatojn. Vespere mi miksiĝis en la lernantaron kaj revenis hejmen. Je ĉiu sabato mi ektimis, pensante: “Dimanĉo devas esti tago de senzorga ludo, sed patro verŝajne vokos min kuniri kaj rigardi lian kaptilon.”

有時走了大半天的路都沒得休息，走了一天還是到不了父親的獵場，他每一次都說：「快到了！」然而卻彷彿沒有終點。

Iam ni piediris longtempe sen ripozo; iam ni piediris tutan tagon sen atingi la celitan ĉasejon. Li ĉiam respondis “Ni alproksimiĝas” al mia demando pri la ŝajne senlime malproksima celejo.

就這樣子在山上走著。也因爲這樣子，對周遭事物的反應非常敏感，大自然的呼吸和脈動，我隱隱約約能夠感受到。過去和父親打獵的日子因爲 要走很遠的路，當時覺得自己很不幸，不能和別家的小孩子一起玩耍；但現在回想起來，也就是因爲這樣，使我比同年齡的孩子，收益得更多，生活也更豐富。並且 對大自然的生命史，有一段很人性化的認知，這一切完全都是拜我父親所賜。

Pro tia irado en monto mi fariĝis tre sentema pri la spiro kaj pulso de naturo. Tiam mi rigardis la ĉasadajn vojaĝojn kun patro kiel ion malfeliĉan, ĉar mi ne povis ludi kun infanoj de aliaj familioj; sed nun, dank' al tiuj vojaĝoj, mi pli sciis ol la samaĝuloj, pli profitis, kaj mia vivo pli abundiĝis. Mi humane konsciis la vivohistorion de naturo. Ĉio ĉi estis donita al mi de mia patro.

小時候我有個外號叫「理古處」，意思是「話很多」、「那麼多問題」之意。每次跟著父親打獵的時候，對不知道、沒看過、沒來過、沒聽過、 不認識的事物，心裡就有很多的「爲什麼」、「那個是什麼」、「爲什麼會這樣」的一些問題，父親常會很不耐煩，很生氣地跟我說：「理古處！」儘管如此，但我 還是要問，問到明白、清楚之後才罷休，好奇心的驅使和打破沙鍋問到底的精神，使得小時候的我便對大自然和山裡的一切非常地熟悉，且具有對土地及其他事物敏銳的觀察力。

Dum infaneco patro moke nomis min “demandemulo”, ĉar dum ĉasado mi ĉiam demandis “kio estas tio?”, “kial?” kaj “kiel?” pri la aĵoj kiujn mi ne konis, ne vidis, ne renkontis aŭ ne aŭdis. Ĝenite patro kolere diris: “Vi tro demandemas!” Malgraŭe mi daŭrigis la demandojn ĝis mi gajnis klaran respondon. Mia scivolo kaj demandemo familiarigis min pri ĉio en la monto kaj en naturo, kaj ili donis al mi akran observan forton koncerne la teron kaj tutajn aliaĵojn.

小時候，只要有蜜蜂飛過我的身邊，我就能判定，並且還能找到蜜蜂窩巢的位置；然而經驗的獲得，是因爲身上不知道被多少種蜜蜂螫過，才換來對蜜蜂敏銳的觀察力和敬畏感。

Dum mia infaneco kiam abelo flugis apud mi, mi tuj sciis kaj povis per ĝia flugspuro decidi, kie ĝia nesto estas. Mi malfacile gajnis tiun kapablon: Multajn fojojn pikoj de abeloj donis al mi akran observon kaj

timan respekton al abeloj.

父親說過一段很棒的獵人哲學，他說：「獵人的孤獨和寂寞，是精神和力量最大的來源之處；兒子，你要學做一個好的獵人，就要學會『等待』的耐性。」

Patro havis tre bonan ĉasistan filozofion. Li diris: “La plej granda fonto de spirito kaj forto de ĉasisto estas soleco. Filĉjo, se vi volus fariĝi bona ĉasisto, vi devas lerni la paciencon de atendado.”

這一段話讓我深深地被吸引，這竟是自己的父親，一個國小沒有畢業者所說出來的話。聽過這句話後才知道，有些書上沒有的，然而在獵人學校裡，卻是必修的課程。讓記憶回到過往，同父親打獵的情景。

Tiujn vortojn, kiuj profunde logis min, povis diri mia patro, kiu eĉ ne finis edukon de elementa lernejo. Mi eksciis, ke multaj necesaj scioj de ĉasistoj ne estis instruitaj en lernejoj. Mi memoru pliajn scenojn de ĉasado kun mia patro.

「你知道嗎？兒子，」父親問我：「爲什麼山豬會被獵人的陷阱夾到？」我思考父親給我的題目後，回答道：「他很笨，沒有長眼睛。」父親的 答案卻叫我不敢相信，因爲父親對動物有人性化的形容：「那是因爲，那隻山豬不喜歡上學，所以沒聽到山豬學校的老師告訴他，山豬要如何防範部落的陷阱，和識 破僞裝的吊陷和夾鐵。」

“Ĉu vi scias, filĉjo,” patro demandis al mi: “kial aproj povis esti kaptitaj de kaptiloj de ĉasistoj?” Post iom da penso, mi respondis: “Ili estis stultaj, kaj ne vidis la kaptilon.” Sed la respondo de patro estis nekredebla. Li homigis la bestojn kaj diris: “Tio estis ĉar ili ne volis iri en lernejon, kaj tial ne aŭdis la instruiston diri kiel distingi la kamuflitan pendigitan pinĉkaptilon kaj eviti ĝin.”

「爸，山豬真的有山豬學校嗎？」

“Paĉjo, ĉu estas lernejoj por aproj?”

「當然有哇！你不曉得，山豬的攝影師現在正用長鏡頭的相機，把我們的長相拍出來做成幻燈片，做爲山豬學校的教材，把我們編號，告訴山豬 學校的學生，這個是最危險的獵人(1)和危險獵人(2)……有時候在遠遠的地方觀察我們，熟悉我們身體的味道，聞到我們父子的味道時，就遠遠地躲開。」

“Certe estas. Ĉu vi scias, ke la fotografisto estas fotanta nin per longdistanca lenso kaj nombranta nin. Li diros al la lernantoj, ke mi estas

la plej danĝera ĉasisto n-ro 1, kaj vi estas la ĉasisto n-ro 2...... La lernantoj ankaŭ flaras ĉe malproksimejo niajn odorojn. Poste ili forkuros de ni kiam ili flaros la saman odoron.”

有一次我同父親在峭壁上往下看，看到一群山豬，父親這樣說：「最老的那一隻是他們的校長，在後面走的是他們的老師。」我問父親：「他們在做什麼？」父親說：「在練摔跤吧？可能要參加他們的區運會。」

Foje patro kaj mi suben rigardis de supro de klifo, kaj vidis apraron. Patro diris: “La plej maljuna apro estas la lernejestro, kaj tiuj, kiuj malantaŭe iras estas la instruistoj.” Mi demandis al patro: “Kion ili faras?” Patro diris: “Ili luktas, verŝajne pretigante sin partopreni en la distrikta sportkunveno.”

父親的山豬學校故事和獵人哲學，及人性化對待大自然事物的觀念，至今讓我深受影響。有一次我與父親為了追趕受夾而逃跑的山豬，一山翻一 山，竟在靠近大武山的界線找到了逃跑的山豬——山豬累了。我嚇了一跳，這麼久以來，頭一次讓我看到這麼大的公豬，難怪父親看到他放的鐵夾不見時，就告訴 我：「如果我們再慢一點，可能就追不到了。」

La rakontoj pri aprolernejoj de patro, lia ĉasista filozofio kaj lia homiga trakto al naturaĵoj ĝis hodiaŭ profunde influas min. Kiam foje pinĉkaptilo metita de patro malaperis, li diris al mi: “Haste postkuru ĝin antaŭ ĝi povus forfuĝi.” Ni kuris de monto al monto, ĝis la limlinio de Monto Davu, kie ni trovis la laciĝintan apron. Min surprizis vidi tiom grandan virapron la unuan fojon en mia ĉasista kariero.

父親拔起番刀，用大拇指在刀尖劃了一下，這時候累倒的大公豬好像知道他的生命隨時會被父親任何的舉動所終止，他開始亂吼、亂撞、亂衝； 父親要我爬到樹上，我在樹上看著父親和大公豬格鬥的過程。最後，大公豬累了，父親亮起番刀，刀尖刺入他的心臟，大公豬用剩餘的力量做最後的反抗，父親雙手 撫摸著大公豬，口中唸著：「謝謝你賜給我的家族，你身上的肉和那壯碩的後腿。我們會為你唱歌，希望下次你能跑得更快、更遠，增長你的智慧，躲過我的陷阱，去教導你的子孫和小孩。」

Patro levis sian glavon kaj per sia polekso palpis la glavopinton. La laca virapro ŝajnis scii, ke ajna ago de patro povus ĉesigi ĝian vivon, kaj panike kriegis kaj impetis. Patro ordonis min grimpi sur arbon spekti la lukton inter li kaj la virapro. Fine la apro pro laco malrapidiĝis, kaj patro per glavo pikis ĝian koron. Post ol la virapro faris la lastan lukton, patro

karesis ĝin kaj flustris ion kiel: “Dankon al vi pro via donaco al nia familio de via viando sur korpo kaj viaj dikaj malantaŭaj kruroj. Ni kantos por vi, esperante ke en venonta vivo vi povos pli rapide kaj lontane kuri, pli saĝe eviti insidojn de homoj, kaj tiel instrui viajn idojn.”

父親話說完之後才將刺在心臟的配刀拔起，大公豬的血順著父親抽起的番刀滴下，只見大公豬抽搐著慢慢停止，靜靜的躺在那裡。我由樹上下 來，撫摸著倒在地上的大公豬，父親告訴我：「這頭大山豬是他們的勇士，如果不是先踩到陷阱，傷了他一隻腳，要我面對面跟他格鬥，我未必是他的對手。」我問 父親：「爸，你剛才在對山豬說什麼？」

Post diro de tiuj vortoj li eltiris la glavon. Sango de la apro elfluis laŭ la tirita glavo, kaj ĝia spasmo ĉesis. Ĝi kviete kuŝis sur tero. Mi subengrimpis la arbon kaj karesis la falintan apron. Patro diris al mi: “Tiu granda apro estis ilia bravulo. Mi eble ne povus venki ĝin se ĝi ne estus vundita de la kaptilo.” Mi demandis al patro: “Kion vi flustris al ĝi?”

「我對著山豬說我們獵人家族對大自然循環感謝的話。兒子，」父親說著：「有一天你也會成爲一名好獵人，有一天當你要結束你獲取的獵物生命時，請讓他聽到你說的話，要感謝大自然和祖先，給你智慧和一雙很會跑的雙腳；讓你所獵獲的動物走得安心。」

“Mi diris al la apro pri la danko de ni la homoj al la natura karmo. Filĉjo,” li diris, “iam kiam vi fariĝos bona ĉasisto, kiam vi mortigos la ĉasitan beston, vi konsolu ĝin trankvile forpasi, kaj danku la naturon kaj viajn prapatrojn pro tio, ke ili donis al vi saĝon kaj paron da rapidkurantaj piedoj.”

父親說：「我們是獵人家族，有獵人的規範，對生命尊重，祖先才會給你更多的獵物；如果你對大自然不敬，不依循著獵人對自然的法則，動物就不會再到你的獵場奔跑、跳躍、追逐。」

Patro diris: “Ni el familio de ĉasistoj devas observi la ĉasistajn regulojn, ke ni respektu la naturon. Sen tia respekto, sen obeo de la ĉasistaj reguloj, viaj prapatroj ne donus al vi ĉasitaĵojn, kaj la bestoj ne plu kuros aŭ saltos en via ĉasejo.”

很久了，我仍留著父親所獵獲的那隻大山豬的山豬牙，把他拿來作手臂上的臂環，以炫耀父親與我們獵人家族的戰功，和對生命的尊重。

Longe poste, mi ĝis nun ankoraŭ konservas la longajn dentojn de la virapro, farinte el ili brakoringojn por montri la gloron de mia patro kaj la respekton al vivo de nia ĉasista familio.

至今我仍感謝大自然給我們的智慧和經驗。

Ĝis nun mi ankoraŭ dankas naturon por la saĝo kaj sperto kiujn ĝi donis al ni.

## 唐打虎
## La tigroĉasanta familio Tang

***Wu Zuxiang*** 吳祖湘
***elĉinigis Wang Ju-kwei*** 王九逵

**清代作家紀曉嵐的《唐打獵》原是文言文，後經吳祖湘翻譯改寫成《唐打虎》**

*Noto pri la aŭtoroj: Ji Yun (1724-1805) de la Qing-dinastio verkis la rakonton "Tang la ĉasanta familio" en klasika ĉina. Wu Zuxiang (1908-1994) tradukis kaj reverkis la rakonton en moderna ĉina (mandarena) kaj donis al ĝi la nunan titolon. Nia traduko estas laŭ la versio de Wu Zuxiang.*

從前，皖南山區有老虎。有一年正月裡，一只大老虎盤踞在村子後面的山上不走，傷害了不少牲口。壯丁幾次出動去打它，都沒有成功。村民商量說，要除這個害，非得請"唐打虎"不可。

Iam tigroj frekventis la sudan parton de la provinco Anhui. Iun jaron ĝuste post la ĉina novjara tago venis granda tigro kiu restadis malantaŭ la vilaĝo, kaj manĝis aŭ vundis multajn breditajn bestojn. Fortaj viroj mobiliziĝis peli ĝin sen sukceso. La vilaĝanoj diris, ke por forigi la minacon de la tigro, ili devas inviti anojn de la tigroĉasanta familio Tang.

"唐打虎"是徽州一個姓唐的大家族，據說這一家人個個是打虎的能手。大伙備了財禮，就派人到徽州去請。派去的人回來說：唐家的人答應了，打虎的能手隨後就到。

La tigroĉasanta familio Tang estis granda familio en Huizhou, kies anoj ĉiuj estis lertaj ĉasi tigrojn. La vilaĝanoj ekspedis delegiton inviti

ĝiajn familianojn. Revininte, la delegito raportis la bonan novaĵon, ke la familio Tang konsentis baldaŭ sendi ekspertajn ĉasantojn.

過了兩天，唐家果然派人來了，一個是老頭，頭髮鬍子全白了，背也駝了，還不住地咳嗽；一個是小孩，還不到十歲，說是祖孫倆。

Du tagojn poste, du ĉasantoj de la familio Tang venis. Unu el ili estis maljunulo kun blankaj hararo kaj barbo, kaj kun klina dorso. Li senĉese tusadis. La alia estis lia nepo, dekjara aŭ eĉ pli juna.

老頭覺察到了主人的神色，先開口說：“這兒離山上沒幾步路，先把老虎除了，回來再吃飯吧。”說完，站起身來，領著帶來的小孩就走。

La maljunulo vidis la malĝojon de la mastroj, kaj tuj diris: “La monto estas proksima. Ni manĝu post ol ni pereigis la tigron.” Tiel dirinte, li vokis la knabon kuniri.

村裡的人把他們送到山口，不敢往裡走了。老頭笑著說：“你們給老虎嚇怕了，有我在這裡，不用怕！”幾個膽大的遠遠地跟在後面看。

La vilaĝanoj kondukis ilin al la intermonto kaj ne kuraĝis antaŭeniri. La maljunulo diris: “Tigro ne estas terura. En nia ĉeesto, ne timu ĝin.” Kelkaj aŭdaculoj sekvis ilin spekti la agon je iom da distanco.

進了山口，小孩走在前頭，連連用鼻子聞。走了一段路，他對祖父說：“爺爺，這畜生就在這裡，正睡覺呢。我把它叫醒吧。”老頭點了點頭，找個地勢站好了。小孩就學起老虎叫來。果然，老虎從樹林裡出來了。它大吼一聲，震得地動山搖，猛撲過來。

Ĉe la monto la knabo iris antaŭ sia avo. Irante li flaradis. Post iom da distanco li diris al sia avo: “Avĉjo, la besto estas ĉi tie dormanta. Ĉu mi veku ĝin?” La maljunulo kapjesis kaj prenis specialan pozon. La knabo muĝis imitante tigron. La tigro eliris de la arbaro, muĝis skuante la teron kaj la monton. Ĝi feroce impetis al la maljunulo.

老頭雙手握著一把斧子，斧柄不到一尺，斧嘴四寸多點。他把斧子舉過頭，瞪大了眼睛，站得穩穩的。老虎撲過來，老頭身子一蹲，把頭一偏， 老虎從他頭上蹦了過去。誰也沒想到，老虎一蹦過去就趴在地上不動了，肚子下面鮮血直流。大家圍上去一看，原來這老虎的下巴到尾腚，都被斧子剖成了兩半。

La maljunulo havis en siaj manoj hakilon kun anso longa je 30 aŭ 40 centimetroj kaj klingo longa je 10 centimetroj. Li levis la hakilon super

sian kapon, larĝe malfermis siajn okulojn, kaj fikse staris. Kiam la tigro impetis, li ekkaŭris kaj la tigro preterpasis lin super lia kapo. Male al ĉies imago, post la salto la tigro falis sur la teron senmova. Sango fluis el ĝia ventro. Kiam la vilaĝanoj proksimiĝis por ekzameni ĝin, ili trovis, ke de mentono ĝis vostoradiko, la tuta suba haŭto de la tigro krevis.

這一下村裡的人都服了。老頭帶著孩子回村裡吃飯，大家問他打虎的本事是從哪兒學來的。老頭說，唐家的祖上不少人遭過虎害。後來出了個打 柴的，叫唐牛，他身體壯，力氣大，一擔能挑二三百斤。有一次他正打柴，忽然來了只老虎。他拔腿就逃，老虎已經從背後撲上來了。他急得沒法，兩手抓住了從肩 頭撲下來的老虎腿，一下子用頭頂住了老虎的咽喉，又用腳向後蹬老虎肚子。最後老虎不動了。唐牛的力氣也使盡了，胸口已經被老虎抓得稀爛，抬到家裡，一會兒就斷氣了。他臨死還叮囑兒子要打虎除害，交代了兩條：一條是見了老虎不該怕，更不該逃；另一條是老虎見了人總要撲過來，要打它的咽喉和肚子。

Tiam la vilaĝanoj estis konvinkitaj pri la kapablo de la avo kaj nepo. Ili revenis al la vilaĝo manĝi. Ĉiu demandis al la maljunulo, kie li lernis la teknikon batali tigrojn. Jen la respondo: Multaj prapatroj de la Tang-familio estis atencitaj de tigroj. Unu el ili estis Tang Bov. Li estis forta arbohakisto, kaj povis porti per vekto pli ol 100 kilogramojn da ligno. Iam kiam li hakis arbon, venis tigro de malantaŭe. Li forkuris, sed la tigro jam impetis sur lin. Sen alia rimedo, li prenis la antaŭajn piedojn de la tigro kiuj tretis liajn ŝultrojn, per sia kapo premis ĝian gorĝon, kaj piedbatis ĝian ventron. Fine la tigro falis senmova, sed Tang Bov ankaŭ estis elĉerpita kaj mortonta. Lia brusto estis tute frakasita de la tigro. Li mortis nelonge post ol li atingis hejmen. Antaŭ ol li mortis, li volis instrui siajn filojn kiel batali kontraŭ tigroj. Du ideojn ili ĉiam memoru: Unue, neniam timu tigrojn aŭ forkuru de ili. Due, la tigro nepre impetas al homo, kaj tiam ataku ĝiajn gorĝon kaj ventron.

唐家的子孫個個能打老虎，各有巧妙不同，但是大家都牢牢記住唐牛臨死前說的這兩條。

La posteuloj de Tang Bov ekde tiam fariĝis lertaj tigroĉasantoj, ĉiu kun sia propra metodo. Sed la du principoj de Tang Bov ĉiam restis iliaj gvidolinioj.

Fontoj de ĉina teksto:
http://tieba.baidu.com/p/2326808389 kaj http://gb.cri.cn/33286/2011/03/14/4605s3184583.htm

## Chizuko vojaĝis eternecen en malvarma vintro
## 千壽子 寒冬仙遊



En la 12a de februaro mi ricevis retleteron el Japanio kiu informis pri forpaso de unu el la membroj de la vigla Esperanto-klubo *Verda Merkredo* en Yokohama. Por jaroj mi instruis tiun klubon, kiam mi loĝis en Tokio kaj la rilato de instruisto-studentoj rapide ŝanĝiĝis al amikeco, tiel ke finfine kun ili mi vojaĝis al Irano en la jaro 2000, monatojn antaŭ mia translokiĝo al Tajvano; kaj ankaŭ antaŭ du jaroj ili venis al Tajvano por renovigo de nia renkontiĝo. Ambaŭ vojaĝoj estis memorigaj kaj ĝojigaj.

2 月 12 日收到來自日本的一封電子郵件，知悉橫濱活躍的世界語俱樂部“綠色星期三”一位成員辭世。住在東京時，我教過這個俱樂部多年，師生間關係很快變成摯友。2000 年在我遷居台灣前，我們同遊伊朗一個月。兩年前，他們來到台灣再續情誼。這兩次旅歷都令人歡欣難忘。

*Jen la letero de Michiko Takaoka*
高岡美智子來信

Kara Reza,

Kiel vi fartas?

Hodiaŭ mi devas sciigi malĝojan novaĵon: Taguĉi Chizuko forpasis en la 6a de februaro, en la lasta semajno. Ĉiuj membroj de Verda Merkredo malĝoje kondolencis.

Chizuko estadis tre bone kaj genki-genki ĝis lasta novembro, sed en decembro ŝi falis de ŝtuparo en sia hejmo, kiu lasis ŝin malsana. Ŝi longe ŝatis nek kuraciston nek hospitalon, do kiam pro netolerebla doloro ŝi iris al hospitalo, la medicina ekzameno sciigis, ke ŝi havis kancerojn jam seriozaj je pluraj lokoj. Ni ne sciis ĝis ŝi enhospitaliĝis meze de januaro. Laŭ ŝia deziro, ŝiaj filoj kaj bofilinoj decidis hejm-kuracon kaj planis elhospitaliĝon en 6a de februaro. Sed tute abrupte malboniĝo venis, kaj ŝi ekvojaĝis eternecen en kvieta dormo.

Ni jam longe konstruis intiman rilaton kiel fratinoj, precipe Akemi tre bone rilatis kun ŝi reciproke; ni kune vizitis ŝian hejmon por adiaŭi en la 8a de februaro, kvankam la vetero estis terure neĝa. Ŝiaj filoj montris multajn fotojn de Esperantaj vojaĝoj kaj unu el ili diris, "Dank' al Esperanto la vivo de patrino post ŝia emeritiĝo estis riĉa kaj gaja, ni tre dankas." Jes, ŝi entuziasme lernis Esperanton kaj tre ĝuis la vivon kun ĝi: vojaĝo al Irano, kaj ankaŭ Tajvano. Efektive, pri vojaĝo al Tajvano, Chizuko urĝigis min plani konkrete, dirante "Mi ne eterne povas esti vigla, do faru la konkretan planon kaj ni ĝin realigu!"

Nia grupo Verda Merkredo havis ok membrojn, sed nun unu mankas... Ni havas tre malvarman vintran veteron kun neĝo, kaj nia koro estas malĝoja kaj malvarma.

Sincere Via,

Michiko

# *Beletra Almanako (BA)*

***BA* estas literatura periodaĵo, lanĉita en septembro 2007, kun 140 ĝis 176 paĝoj.**

*BA* aperas trifoje jare, kun rubrikoj de i.a. poezio, prozo, eseoj, debatoj, recenzoj, teatro.

Redaktas Jorge Camacho, Probal Daŝgupto kaj István Ertl. Eldonas Ulrich Becker (Eldonejo Mondial, Novjorko, Usono).

La ĵusa ***BA18*** enhavas tekstojn de Kontribuis: R. F. Albert Reyna, T. del Barrio, U. Becker, S. Belov, W. Blanke, B. A. Bojesen, S. D. Brewer, J. Camacho, P. Daŝgupto, C. Declerck, F. de Diego , B. Doyle, P. Dubourg Glatigny, M. Fernández, W. Jansen, Kani (J. M. Salguero), O. Kerziouk, K. Kniivilä, M. N. Laroca, J. Melnik, F. J. Moleón, N. Nicholas, S. Rodin, T. Steele, É. Tófalvy, R. Williams , I. Zaldu.




## Mendoj / abonoj:

**Plej facile: "Konstanta mendo" ĉe UEA!**
(Skribu al libroservo@co.uea.org kun la peto pri "Konstanta mendo de BA" kaj vi ricevos aŭtomate ĉiun novan kajeron – ĝis vi malmendos!)

**Krome:**
**Mendu/abonu ĉe via landa/loka libroservo** aŭ rekte ĉe:

***www.beletraalmanako.com***

Unuopaj kajeroj de *BA* estas ankaŭ facile aĉeteblaj en multaj ekstermovadaj libro-retejoj en multaj landoj; kaj vi eĉ povas mendi *BA* en via loka librovendejo, se vi havas la ISBN-numeron de la koncerna kajero!

# 世界語是什麼?
# Kio estas Esperanto?

***Zhong Qiyao*** **鍾啓堯**

## 世界語是計劃出來的語言

世界語是一種“計劃語言”，在 1887 年由一位波蘭的猶太裔眼科醫生柴門霍夫博士（Ludwig Lazar Zamenhof，生於 1859 年，卒於 1917 年）發明。柴門霍夫用“希望者博士”(Doktoro Esperanto)做筆名，發表了“國際語言”(Lingvo Internacia)。後來人們把世界語稱爲 Esperanto。世界語在使用的一百多年來，增加了很多新詞彙，成爲名副其實的語言。

## 簡單而有規律，易學的語言

世界語根據印歐語言（印度－歐洲語言）訂成，所以類似印歐語言。世界語一個字母一種發音，詞性（如名詞、動詞、形容詞）和語法的變化，非常有規律，比一般民族語言容易好幾倍。世界語的構詞法，則使用很多前綴和後綴，以及把短的詞拼成一個長的詞，像漢語。例如，“富有”是 riĉa，“貧窮”是 malriĉa，“富翁”是 riĉulo。又例如“一天”爲 tago，“中間”爲 mezo，“中午”就是 tagmezo。

## 全世界的共同外語

世界語不屬於任何民族，是全世界的共同外語、世界普通話。沒有國家或個人會因爲自己的母語是世界語而在國際往來中占優勢。有人會因爲父母（之一）會說世界語而自小就學會世界語，但是世界語仍然是他們次要的語言。

## 活的語言，全世界都有人說

估計全世界有二百萬人經常使用世界語，這些人遍布在世界各地。世界各地都有地方性世界語協會和青年世界語協會，也有很多學科組織（即興趣組織）。國際世界語協會(Universala Esperanto-Asocio, UEA) 約有一萬名會員，遍布在一百多個國家，未滿三十歲的自動編入國際青年世界語協會(Tutmonda Esperantista Junulara Organizo, TEJO)，另有數十個地方性團體會員和學科性團體會員。
如下網頁，您可以獲得世界語資訊以及免費學習。

http://zh-tw.lernu.net/

## La lastaj vortoj

***Reza Kheirkhah*** 薛瑞察



Honeste parolite nia gazeto estas unu el la plej malregulaj kiuj aperas en nia Esperantujo. En iu jaro ĝi aperis en decembro, alijare en januaro, laste ĝi aperis en februaro kaj nun venas tempo por ke ni havu ĝin eĉ en marto!

La kialojn oni facile imagus kaj se ne, ni lasu ilin al la imagpovo de niaj legantoj!

Verdire de monatoj antaŭe ni laboras pri tiu ĉi numero kaj tamen la laboro ne vere progresis kaj ne tiom, kiom dezirate. La plej granda problemo por mi kiel la ĉefa redaktoro estis, ke prof. Wang ne povis kiel antaŭe helpi pri tradukoj, ĉar li havis akcidenton. Malgraŭ tio li multe kontribuis por nia broŝuro de Zamenhoffesto, sed por afero de Formoza Folio plie aperis teknikaj problemoj komputilrilataj liaflanke.

Sed finfine helpe de aliaj samideanoj ni povis iel tiel veni al la fina venko!

Mi esperas ke vi ĝuis la legadon de tiu ĉi numero kaj atendas viajn eventualajn kritikojn, sugestojn kaj eĉ kuraĝigojn!

Ĝis venonta numero kiu esperеble ne saltos al aprilo 2015!

# Anoncoj

## **2014 年 UEA** 會費表 (UEA membreco por 2014)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 MG: | 會員含世界語運動指引 | 7 EUR = | **280 NT** |
| 2 MJ(-J): | 會員含年度手冊 (未滿 29 歲者 [含] 前, 成爲 TEJO 會員不另加收費用並贈送 Kontakto 雜誌) | 17 EUR = | **700 NT** |
| 3 MA(-T): | 會員-訂閱者: 如 MJ(-T) 加上 Esperanto 會刊 | 43 EUR = | **1800 NT** |
| 4 MA: | 獲得年度手冊及, Esperanto 會刊 (未滿 29 歲者 [含] 並贈送 Kontakto 雜誌) | 43 EUR = | **1800 NT** |

## Beletra Almanako 2014

BA-Jarabono 2014 (3numeroj: BA19, BA20, BA21) **1300 NT**

## Juna amiko

Revuo por komencantoj, por unu jaro kaj 3 numeroj **500 NT**

## Formoza Folio

Unu numero **100 NT**

## Pagmaniero

Se vi deziras aboni iujn el tiuj gazetoj aŭ membriĝi en UEA bv. pagi la necesan sumon al la poŝtkonto menciita sube kaj informi min.

如果你想訂閱這些雜誌或參加爲 UEA 會員，請告知並付款至如下賬戶。

Rezamenhof@yahoo.com

戶名：薛瑞察
存簿帳號: 0071001 1370724
郵局代號：700

# FORMOZA FOLIO
# 台灣世界語報

La gazeto de Tajvanaj Esperantistoj



**Adreso:** Reza Kheirkhah 薛瑞察
屏東市重慶路 105 號 900-73 台灣 Taiwan
Chung Ching Lu 105,
TW 900-73 Pingtung, Tajvano
Tel: +886-8-7326334, 0925179757

**Retadreso:** rezamenhof@yahoo.com



| | |
|---|---|
| **Redaktis:** | Reza Kheirkhah |
| **Reviziis kaj enpaĝigis:** | Sabine kaj Pit Hauge |
| **Ĉinaj tradukoj:** | Wang Ju-kwei, Abengo, Kevin, Ingrid |
| **Titolpaĝa fotaro:** | Zamenhof-festo 2013: Vinson (王信翰) |

| | | |
|---|---|---|
| **Abontarifoj:** | enlanda: | 100 NT por unu numero |
| | eksterlanda: | 3 EUR por unu numero<br>(inkluzivas sendokoston)<br>(uea-konto: mrkk-c) |